


# INTERNACIA FERVOJISTO

## 2016.3



***La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn***

# ADIAŬAS LA REDAKTORO

Ekde 2010 mi estas la redaktoro, poste la gvidanto de la Redaktora Komisiono de nia faka revuo „Internacia Fervojisto”. Tiu tasko donis al mi multajn interesajn kaj belajn travivaĵojn, kelkajn problemojn, kaj - pro la morto de miaj du helpantoj (J, Cziboly kaj J. Patay) – dolorajn sentojn. Mi havis ege multajn taskojn kaj farendaĵojn dum jaroj. Tamen redakti tiun gravan revuon estas honorigo. Pere de la revuo mi klopodis informi la fervojistajn esperantistojn pri la agado de IFEF, pri la vivo de la landaj asocioj, pri la kongresoj kaj aliaj kunvenoj, pri la teknikaj novaĵoj de la fervojoj, pri la terminara kaj fakprelega agadoj, kaj mi provis taksi la laborojn de nia Federacio. La plej gravaj vidpunktoj de la redaktora laboro estas la precizeco, la observo de la limdatoj, la regula aperigo, altnivela enhavo kaj atentema agado. En tiu aktiveco kelkaj agemaj kaj helpopretaj fervojistaj, eĉ nefervojistaj esperantistoj helpis al mi, kiuj sendis al mi valorajn, interesajn kaj altnivelajn artikolojn. La membroj de la Redaktora Komisiono kaj en la korektado kaj en la taksado de la enhavo donis al mi nemalhaveblajn helpojn. Ankaŭ donis al mi instigon kaj apogon la estraranoj kaj la gvidantoj de la Faka Komisiono de IFEF. Sen tiuj laboroj la redaktoro ne estus povinta plenumi siajn taskojn. Mi ege dankas la helpon kaj entuziasman agadon. La redaktora tasko helpis al mi konservi mian mentalan staton, kaj donis tiun senton, ke ankoraŭ estas bezonata je mia laboro. Sed bedaŭrinde la „tempo” estas la plej grava estro de la vivo, kaj mi devas akcepti tiun fakton, ke mia „tempo” jam finiĝas. Mi ege esperas, ke la komitato de IFEF pripensite elektos novan redaktoron, kiu – helpe de la membroj de la Redaktora Komisiono – daŭrigos tiun agadon, al kio mi deziras forton, kapablon, sanon kaj paciencon.

**István Gulyás**

**FRONTPAĜO:**
**Dum la estrarkunveno de IFEF en la franca urbo Colmar**

## ENHAVO:

# Raporto pri la printempa estrarkunveno en Colmar (Francio), 26-29.02. 2016

Ni estis invititaj de la IFEF-estraro por partopreni la Printempan Estrarkunvenon en Colmar, Alzaco. Proksimume 15 personoj kunatingis tiun lokon. Diable! Kial tiom da partoprenintoj kaj kial koncentriĝi en Colmar… Jen estas la demando?



*Belega urboparto de Colmar*

Sen mallevigi la kurtenon pri la celo de tiu alirado (nur la komitatanoj rajtas decidi) la estraro de IFEF opiniis tiun regionon oportuna por proponi ĝin kiel lokon de la IFEF-kongreso en 2017. Kial tiu elekto? Per kelkaj vortoj mi provas klarigi la aferon.

Sed nun ni malkovru tiun riĉan regionon. Jes riĉa laŭ pluraj distingoj.

**Historie**

Jam la prahistorio inter 5000 kaj 4000 antaŭ nia erao, grupo da homoj venintaj el la danuba baseno loĝis borde de la riverego Rejno. Multaj restaĵoj videblaj en la kolmara muzeo « Unterlinden » atestas tiun okazaĵon. La ĉeesto de la rivero Lauch kaj de ĝiaj kunfluejoj grave kontribuis al homa koncentriĝo. Poste alvenis keltoj, alamanoj, romanoj kaj frankoj. La historion de la urbo ekde la jaro 823 konas la historiistoj, ĉar tion mencias la unua skriba dokumento. La civitanoj de la urbo multe batalis por la libereco dum la jarcentoj, eĉ ili estis entuziasmaj subtenoj de la franca revolucio. En 1870 la urbon oni aneksis al Germanio, kaj en 1945 iĝis Colmar denove parto de Francio.

## Geografie

Colmar kuŝas ene de granda ekonomia kaj demokrata medio konstituita de rejna Eŭropo kun preskaŭ centmilionoj da personoj. La urbo najbaras kun la vogeza masivo kaj ankaŭ la nordaj Alpoj. Colmar situas 60 km-ojn for de Strasburgo, kaj havas 67 mil da loĝantoj.

## Fervoje

Multaj koneksoj al/el eŭropa centro kaj rektaj okcidentaj TGV-oj al Colmar faciligas la alirojn de niaj interesuloj for de Strasburgo, do la urbo Colmar estas facile atingebla de niaj kutimaj kongresanoj.

## Esperante

En tiu loko agadas spertaj esperantistoj, kiuj plezure kaj efike helpos nin por digne akcepti niajn geamikajn samideanojn, organizi ilian ĉeestadon, proponi diversajn lokajn turismajn allogaĵojn, konigi la regionon pere de prelegoj, de kulturaj folkloraj ensembloj. Pro tio, okaze de la venonta IFEF-kongreso en Varna ni proponos tiun urbon al la komitatanoj, kiel lokon de la postvenonta kongreso. Kompreneble komitatanoj taksos la sugeston kaj memdecidos la sekvon.

Sed ni revenu al nia printempa estrarkunveno. Pro gravaj taskoj farendaj, ni praktike ne turismis. Kun bedaŭro, la tempo mankis por admiri tiun belan urbon, alinome la “venecia urbo” pro belega rivereto ĉirkaŭata de belaj domoj kiuj serpentas tra la urba centro.



*Partoprenantoj de la estrarkunsido*

Ni estis akceptitaj de la lokaj entuziasmaj esperantistoj Andreo

Grossmann, Edmond Ludwig, Michel Basso, Pierre Huré, Bernard Behra.

Krom la jam cititaj kolegoj, ĉeestis tiun kunvenon Rodica Todor nia prezidantino, Vito Tornillo sekretario, Laurent Vignaud kasisto, Jindřich Tomíšek ĉefkomitatano, Anna Abelovská honora patrona komitato, Jan Niemann gvidanto de la Faka Komisiono, komitatanoj Lene Niemann, Jean Ripoche, la komisionaj membroj Jocelyne Millanvoye kaj Josette Vonay. Kiel kutime multaj faktoj estis diskutitaj. Sinsekve temis pri aprobo de la protokolo de la estrarkunsido en Veliko Tarnovo (Bulgario), ĝisnuna situacio en Varna, organizaj aferoj, financaj aferoj, agado de IFEF, eksteraj rilatoj kun UEA, FISAIC kaj aliaj esperantaj asocioj. Ankoraŭfoje la estraranoj ekzamenis la situacion kaj estontecon de IFEF kaj debatis la venontajn estrarkunvenojn.



*Alia belega urboparto de Colmar*

Longa tempo estis dediĉita al organizo de la 2017-a kolmara IFEF-kongreso. Ni ekzamenis la buĝeton kaj rapide ni taksis oportunecon kongresi en Colmar pro diversaj kialoj; ekzemple pro facila alirebleco de la stacidomo al hotelo, pro pli favora prezo rilate la hotelĉambrojn kaj la luadon de la salono. La situacio de la hotelo kaj de la salono meze de la belaspekta malnova urbo ankaŭ allogis nin.

Ni kontaktis la servojn de la urbodomo por meti opcion pri la rezervado de la salono kiun ni sukcese rapide trarigardis kelkajn minutojn antaŭ nia rehejmeniĝo.

Fine la estraro decidis starigi venontan estrarkunsidon dum la kongreso en Varna. Ni dankas niajn kolmarajn amikojn pro iliaj afableco, spontaneco kaj agema sinteno.

**Jean Ripoche**




# RAPORTO DE LA SEKRETARIO PRI LA JARO 2015

**Antaŭrimarkigo**
La ordo de la raporto estas kiel tiu de la lastaj jaroj por faciligi komparojn. Pli detalajn informojn pri diversspecaj agadoj oni trovas en la antaŭa "Resuma jarraporto de la landaj asocioj".

**Niaj mortintoj**
Listo de mortintoj estos legata dum la plenkunsido en la 68-a IFK en Varna (BG).

## 1. Membrostato

La aktuala membrostato de IFEF estas: 313 laŭ la pagitaj kotizoj, ĉ.800 laŭ la sumo de la membroj de la unuopaj LA-j.

## 2. Interna laboro

### 2.1. Estrarkunvenoj

La estraro kunvenis dufoje: en Dijon (FR) 11-14.04.2015 kaj en Veliko Tarnovo (BG) 17-18.10.2015. La temoj de la kunvenoj jam estis traktataj detale en la protokoloj.

### 2.2. Ĉefkomitatano

Li plenumis akurate siajn multflankajn taskojn; i.a. oni forsendis cirkuleron kun la demandilo pri la landaj jarraportoj por la jara resumo. Kune kun la Ks/Rd ili daŭre ĝisdatigis la adresaron de la IFEF-funkciuloj. Li bone atentigis la komitatanojn sendi en ĝusta tempo la petojn pri statutŝanĝoj kaj la eventualajn kongresproponojn.

### 2.3. Vizitoj

La e-kunsido en Dijon okazis dum la jarkunveno de FFEA kun organizita programero, partoprenis ĉ. 40 personoj. Okazis ekskursoj kaj distraj vesperoj kun diversaj artistoj, ĉefe lokaj grupoj kiuj ludis folkloran muzikon kun dancoj, kaj la Gironda Grupo prezentis la antaŭprovon de la ludoj kiuj okazis (poste)

dum la Universala Kongreso en Lille. Okazis ekskursoj al la "vin-vojo", vizito de la Kasteloj de “Commarin kaj Châteauneuf”, vizito al la urbo kaj al la urba bazaro de Dîĵono. Tre belaj ekskursoj kiuj rimarkigas la belecojn de la teritorio kaj ties produktaĵoj, Dîĵono estas fama pro la produktado de mustardo, tiel ni vizitis tradiciajn butikojn kiuj vendas kaj fabrikas ĝin. Laŭ la vojo de la vino kaj en la kasteloj ni gustumis la famajn vinojn de la teritorio kaj ni povis rigardi kiamaniere oni kultivas la vinberojn kaj la postajn prilaboradojn pri la vinfarado.

Ĝi estis grava estrarkunsido, ĉar samtempe okazis ankaŭ eksterordinara komitatkunsido de IFEF, ĝi okazis por diskuti kaj adaptigi la statuton de IFEF al nova kaj venonta malfermo al kunlaborado de IFEF.

La e-kunsido en Veliko Tarnovo okazis dum la jara kunveno BFES, kun ĉ. 30 personoj inter kiuj estraranoj kaj aliaj eksterlandanoj, ĉimaniere ĝi estis iomete internacia. Okazis vizito al la malnova urbo kaj al la fortikaĵo. Sabate okazis komuna vespermanĝa festo, dume orkestro ludis por la ĉeestantoj bulgarajn kantojn. Neatendite alvenis tipa bulgara folklora grupo, kiu dancis kaj kantis. Ĝi estis nur gustumado de folklora vespero kiu atendos nin dum la kongreso en Varna.

**2.4. Situacio kaj estonto de IFEF en kelkaj landoj.**

La situacio en la landaj asocioj de IFEF estas preskaŭ la sama de la pasinta jaro, sed danke al la laborgrupoj ene de IFEF la internaciaj rilatoj inter la membroj ŝajnas pli aktivaj. Malgraŭ la malkresko de la membronombroj kompare al la UEA aliĝintaj internaciaj asocioj, IFEF estas ĉiam unu el la plej grandaj kaj agemaj.

## 3. Laborplano

### 3.1. Informa Servo

La korespondado okazas pere de interreto, ni pli bone povus nomi ĝin informado, ĉar ĉiuj membroj povus korespondi samtempe kun ĉiuj aliaj membroj per IFEF diskutad-grupo, pere de Fejsbuko ricevi kaj doni informojn, pere de la paĝo ifef.net la membroj kaj la eksteruloj povas ricevi ĉiujn informojn pri ĉio kiu estas enretigita, ĉefe fakaj novaĵoj.

### 3.2. Junularo

Nenio estas rimarkinda.

### 3.3 Faka Komisiono

#### 3.3.1 Terminara Sekcio

La tradukado de la nocia serio da anglaj, francaj kaj germanaj terminoj en Esperanton tre bone progresas. La terminaro de *UIC* estas nur parte **difinvortaro**, tamen la nombro de aldonitaj difinoj daŭre kreskas. Dum la pasintaj 12 monatoj kontinue daŭris la laboron por pli-evoluigi Esperanto-enhavon en la terminaro de la Internacia Fervojunio *UIC*. Por niaj kunlaborantoj aperis 3 numeroj de Terminara Kuriero. Estis ankaŭ reviziitaj multaj fakaj tekstoj por artikoloj kaj prelegoj.

#### 3.3.2 Fake Aplika Sekcio

En 2015 aperis la "Fervojfaka Kajero" n-ro 23. Ekde decembro FervojFakaj Kajeroj estis enretigitaj en la paĝo “ifef.net”.

### 3.4 Komisionoj kaj laborgrupoj.

El la komisionoj kaj laborgrupoj venis regulaj raportoj pri la agado. Mencienda estas la statutrevizia komisiono kiu dum multaj monatoj laboris por adaptigi la IFEF statuton. Ĝi, post diskuto dum la kunsido en Dijon kaj rete, estis aprobita en majo per reta baloto.

### 3.5. Fervojista kontaktkunveno dum la 100-a U.K. Lillo – Francio (25.07 – 01.08. 2015).

Diversaj IFEF membroj partoprenis la UK-n en Lillo, okazis la kunveno de IFEF kun kelkdekoj da homoj, la movada foiro de la asocioj okazis kiel kutime sabaton vespere, ankaŭ IFEF havis ĝian tablon kun informoj, kie aktive agis la Ks kaj la Vpr-ino. Gravan rolon ludis la fervojista tago. Ĉirkaŭ kvardek personoj vizitis la trafikan regadejon de la rapida linio al la tunelo sub la Maniko. Por la fakuloj ĝi estis vere interesa.

## 4. Aranĝoj

### 4.1. IFEF aranĝoj de LA.

Laŭ la indikoj de la jarraportoj de L.A. multaj el ili aranĝis kunvenojn kun ĝenerala asembleo, kelkaj nur la ĝeneralan asembleon. La programo antaŭvidis ankaŭ prelegojn kaj ekskursojn.

### 4.2. IFEF-Kongreso

La 67-a IFK okazis en Kunming (CN) 16-24.05.2015 kune kun la 11-a Ĉina Kongreso. Ĉeestis ĉ. 250 partoprenantoj el 13 landoj,

42 el ili estis eŭropanoj kaj kelkaj el najbaraj landoj Koreio, Mongolio, Japanio. Detalaj raportoj kaj simplaj impresoj alvenis de diversaj partoprenantoj. Ĝi estis bone organizita kaj la eŭropanoj precipe, povis ĝui belajn spektaklojn pri la moroj kaj la kutimoj de la multaj nacimalplimultoj kiuj loĝas en la Yunnan-provinco. Ili estis majstre organizitaj fare de la prezidanto de LKK kaj yunnana e-asocio, kiu estas ankaŭ la direktoro de la arta kolegio en Kunming en kies teatro okazis la prezentadoj. La esperanta revuo El Popola Ĉinio kaj Radio Ĉina Internacia, multe raportis pri ĝi.

**5. Eksteraj rilatoj**

**5.1. UEA**

La kontaktoj kaj kunlaboroj inter UEA kaj IFEF daŭre estas bonaj. La nuna respondeculo ĉe UEA pri la kontaktoj kun la fakaj asocioj, regule sendas informojn kiuj estis senditaj al ĉiuj estraranoj.

**5.2. FISAIC**

La kongreso en Kunming ne okazis sub la patroneco de FISAIC, pro la fakto ke Ĉinio ne aliĝas al FISAIC, tamen la informo aperis en la FISAIC kalendaro. Sed pere de apogo de sekretariino de FISAIC kaj de la germana BSW, dum la lasta ĝenerala asembleo de FISAIC, IFEF iĝis efektiva membro de FISAIC same kiel naciaj asocioj aliĝintaj. Estas grava rekono pri IFEF kaj landaj asocioj de IFEF en kies landoj la libertempaj asocioj de la fervojstoj ne plu aliĝas al FISAIC. Cetere por la aliaj nenio ŝanĝis.

**Fina komentario**

La situacio de IFEF estas same kiel tiu de multaj senprofitaj asocioj en ĉiuj kampoj, la nuna vivmaniero portas la homojn al individua konduto. Se ni komparas IFEF-n al aliaj fakaj asocioj de UEA ĝi estas unu el la plej grandaj.
La rilatoj kun aliaj esperantaj asocioj estas bonaj, ĉefe kun ILEI, ISAE, SAT kaj UMEA, kun ili daŭre estas interŝanĝo de bultenoj kaj informoj pri iliaj kaj niaj agadoj.

Bolonjo, 01-a de marto 2016.

**Vito Tornillo**
Sekretario de IFEF

# Vizito al Maomaoqing, la alia vizaĝo de la dormanta belulino.



Okcidente de la lago Dianchi en Kunming troviĝas la monto Xishan (西山), kies dolĉe rondaj formoj rememorigas pri sinforgeseme harmonia sonĝado de dormanta belulino. Ŝia hararo alkisas la lagon, dum ŝia ŝtona korpo alloge gigantas laŭ ĝi. Antikvaj legendoj diras ke la mortigo de amato fare de kruela reĝa patro originis unu el la plej grandaj lagoj de Ĉinio, el la larmoj de la princino. Ŝia rokiĝo estis kompatoplena metamorfozo por estingi ŝian doloron. Similaj ŝtoniĝoj de korkrevitaj inoj, kiuj ne povis edziniĝi kun siaj amatoj, oftas en Yunnanaj mitoj.

Alia grava ekzemplo troviĝas en la ŝtona arbaro de Shilin (石林), kie - inter luneca pejzaĝo de strange eroziitaj kalkorokoj - oni povas diveni solecan figuron de knabino, staranta en la tradiciaj vestaĵoj de la branĉo Sani de la etnio Yi. Oni diras ke temas pri Ashima (阿诗玛), ĝentila kaj moralforta heroino de voka poemo, kies historio estis adaptita al samnomaj operoj kaj al la unua kolora filmo de Ĉinio en 1964.

La aktorino Yang Likun (杨丽坤), kiu personigis Ashiman en la muzika filmo, estas nuntempe ĉarma kaj vigla avino, kiu ofte venas kanti dum bonfaraj spektakloj ĉe la Profesia Artkolegio de Kunming,

kaj havas honoran sidlokon en la grandaj edziniĝaj bankedoj de ties kantistinoj.

Sed amlegendoj pri la ŝtonaj formaĵoj de Yunnan ne rilatas nur al pasinteco. Nuntempaj legendoj diras ke junaj paroj kiuj grimpis sur la dormantan belulinon de Xishan baldaŭ disiĝos, dum la malo estos vera por homoj kiuj preskaŭ ne konis unu la alian, por kiuj la Okcidenta Monto iĝos la sparko de nova amo. Mi ne scias ĉu tiaj pasiaj kataklismoj afektis la partoprenantojn de la 67a kongreso de la Internacia Fervojista Esperanto Federacio, kiuj lastmaje kuraĝe riskis malsupreniri la krutan montovojon por vidi la kolorplenajn budhismajn, daoismajn kaj konfuceajn templojn skulptitajn en la roko kaj la suban pejzaĝon de la lago Dianchi kun la ĉiam pligrandiĝanta etendo de Kunming. Sed mi certas ke ili ne forgesos la kortuŝan historion de la muzikisto Nie Er (聂耳), kies tombo atendis ilin komence de la vojaĝo. Fakte, la komponisto de la ĉina nacia himno "Marŝo de la volontularo" naskiĝis en Kunming, sed mortis nur dudektri-jaraĝa dum naĝado kun amikoj en la maro de la japana urbeto Fujisawa en 1935, originante post la dua mondmilito ĝemeligon inter la du urboj.



Same, la geknaboj de la kolegio ne facile forgesos tiujn simpatiajn kaj kuraĝemajn gastojn el multe da landoj. Per sia entuziasmo kaj ekzemplo, ili konvinkis la estraron de la kolegio investi pli da tempo kaj energioj en la daŭra instruado de Esperanto kaj en la serĉado de interŝanĝaj ŝancoj kun aliaj gejunuloj helpe de la tutmondaj kunligoj de la internacia lingvo. Ekzemple, nun la nova klaso de esperantaj gelernantoj de la Profesia Art-

kolegio de Kunming - dank' al la organiza talento de S-ro Vito Tornillo, la sekretario de IFEF - povas sukcese korespondi kun pli malpli samaĝuloj de la liceo Malpighi el Bolonjo, Italio.

Kaj la vizito de la fama dancistino Yang Liping (杨丽萍) al la Artkolegio por spekti la Esperante subtitolitan ĥoran spektaklon pri la fondaj mitoj de la Yunnanaj nacioj pruvas la intereson kiun ekvivigis eĉ inter unuarangaj lokaj artistoj nia klopodo traduki lokajn tradiciojn por scivolema kaj internacia samideana publiko. Tamen ne estas nur pri tiu spektakla vizaĝo de la Dormanta Belulino, ke mi volas paroli. Estas fakte alia pli okcidenta flanko de la montaro, kiun turistoj kutime ne havas tempon viziti, sed kiun la loka loĝantaro multe ĝuas. Tie oni ne bezonas enirbileton kaj nur malofte videblas la lago. Sed dum la libertempoj Kunming-anoj svarmas tien por sana grimpado, bongustaj kaj malmultekostaj manĝajoj, kaj rilaksigaj amuzoj.
Ekde la komenco de la montara vojeto al la vilaĝo Maomaoqing (猫猫箐) troviĝas kamparanoj kiuj ofertas siajn freŝajn varojn al la fervora rabatiga negocado de la vojaĝantoj. Komence de oktobro, grandaj sunfloraj rondoj estas la unua allogo. Ĝiaj semoj estas bonega akompano al teo aŭ pretigas malsatan stomakon por baldaŭa manĝo. Sekvas rostitaj batatoj kaj maiz-spadikoj, nuksoj kelkfoje ankoraŭ en sia verda karna tegilo, kaj ruĝaj granatoj. Vendistoj de akre odoraj pikloj aŭ memfaritaj ŝtonĵetiloj en la formo de agloj, ursoj aŭ senvestaj virinoj same troviĝas laŭlonge de la tuta vojo, ofte en la nature plej belaj lokoj. Iliaj vendotabloj aŭ surteraj teloj allogas familiojn aŭ facile senspirajn oficejajn laboristojn al bonvena paŭzo. Sed la plej granda merkato atendas ĉiujn en Maomaoqing mem, kie la ronda aranĝado de tabloj okupas tutan placon.

En la vilaĝo abundas restoracioj kie oni povas tre malmultekoste gustumi lokajn pladojn, ne elektante ilin el menuo, sed rekte indikante al kelnerino el fridujo la legomojn kaj la viandojn kiuj estos transformitaj en bongustan spican tagmanĝon. Fakte la Yunnan-a regiono havas unu el la plej pikaj kuirartoj de Ĉinio, kvankam ĝia abunda uzo de

vinagro igas ĝiajn kreaĵojn iom pli mildaj por la palato ol tiuj pli internacie renomaj de la najbara Sichuan (四川). En la rilaksiga etoso de la restoracioj de Maomaoqing oni povas sin servi je varma blanka akvo el la potego en kiu estas kuirita la rizo, aŭ ludi tablotenison tute apude al la manĝotabloj dum oni atendas la alvenon de la unuaj pladoj. Post la manĝo, homoj plej ofte restas tie por pasigi ludante la plej varmajn sunajn horojn aŭ la maloftajn pluvadojn. Oni diras fakte ke la vetero en Kunming estas kiel vizaĝo de belulino, kutime bele rideta, sed kelkfoje senaverte nubiĝa kaj improvize fulmotondra.

En ĉiuj restoracioj de Maomaoqing estas do bilardo, ludkartoj, maĝongo kaj apartaj ĉambroj por karaoko. Apartaj ne signifas privatajn, ĉar ofte homoj rigardas la kantadon tra la malfermita pordo, kaj tute nekonataj maljunulinoj eniras por dormeti sur la longaj sofoj aŭ babiladi inter si.

El la fremdaj kantistoj ofte nur la usonaj Michael Jackson kaj Lady Gaga estas reprezentataj. Se Michael Jackson por ĉinaj gejunuloj estas la bonkore senmakula sanktulo pri kiu ne eblas diri ion negativan, Gaga estas iom malpli facile konfesebla gustopeko. Multaj pensas ke ŝi vestas sin kaj agas freneze, sed aliaj admiras ŝian liberan memesprimon kaj la kuraĝon per kiu ŝi alfrontas malfacilajn temojn en siaj kanzonoj. Eĉ en la malstreĉiĝe libera parentezo de Maomaoqing oni povas do kanti NASKITA JAM TIEL (angle, BORN THIS WAY), kun Gaga kiu alvenas per kosmoŝipo alporti sian mesaĝon de egaleco inter rasoj kaj vivmanieroj, dum kaproj manĝetas herbon ekster la fenestro kaj duondormanta avino subite stariĝas por soprane eksplodi en la vibraj kaj tremantaj notoj de la ĉina tradicia BELA JASMENO.

Ankaŭ la vojo al Maomaoqing estas plena je belaj temploj, precipe budhismaj, ofte ĉirkaŭigitaj de varme ruĝaj muroj, tre belaj en la moviĝantaj ombroj de la arbaro. Ĉiu templo havas sian vegetaranan restoracion, kie pagante tre malmulte aŭ eĉ nenion, se oni ne havas monon, oni povas ricevi bovlon da rizo kun legomoj.

En iu granda budhisma komplekso norde de Kunming vegetarana kuirarto edziniĝis kun la ĉina amo je rafinite surprizigaj formoj por krei iluziajn viandopladojn tute faritajn el legomoj. Ŝajna viandosteko estas fakte tofuo, kun lotusradiko kiu kontribuas la blankon de la osto. En tiu senco, tio certe rememorigas la italan diron ke «oni manĝas per okuloj», kiu portis al sencesa kreado da formoj en la italaj aristokrataj kuirejoj de la pasinteco, kaj eĉ iĝis la unua artlernejo por poste famaj skulptistoj kiel Antonio Canova. Sed la temploj de la okcidenta vojo de la Dormanta Belulino oferas pli da simpla etoso ol mirinda kuirspektaklo. Ili efektive donas al la vojaĝantoj la eblecon sperti ekzempleron de la ĉiutaga vivo de la monaĥejo.



Iuj el tiuj temploj estas historie signifaj. Ekzemple, la budhisma templo Taihuasi (太华寺), malgraŭ siaj postaj moderniĝoj, ankoraŭ konservas la originan strukturon de sia fondo dum la Yuan-dinastio (1271-1368). Tiam la mongolaj regantoj trovis aliancojn en la lokaj etnioj kontraŭ la ĉina plimulta Han-etnio por unuigi la landon, kaj tiam eble eĉ Marco Polo vizitis Yunnan dum sia ambasadeco. Ankoraŭ nun la granda nombro de gestudentoj el Interna Mongolio ĉe la Profesia Artkolegio de Kunming atestas tiun originan kunligon kaj daŭran simpation. Certe la vojo al Maomaoqing estas senpretenda kaj malaroganta en sia evidenta simpleco. Sed mi esperas ke mi povos montri kiel ĝi same valoras.

Fakte per ĝi oni povas agrable dialogi kun la pasinteco, prezento kaj estonto de la lando kaj akiri pli intiman senton de ĝi. Ne ĉiam eblas kapti tiun malkaŝigajn vibrojn en la devige rapida turisma serĉado de impresaj belaĵoj.

**Alessandra Madella**

# En regiono «Pays de Loire» Pepper, la afabla roboto kiu helpas la klientojn !

*La eksperimentado lanĉita en la stacioj en Nord-sur-Erdre, Saumur kaj Les Sables-d'Olonne konstituas tutmondan premieron en la publikaj transportoj. Homoida roboto nomata Pepper informas la klientojn !*



Ĝi nomiĝas Pepper same kiel la serĝento de la Beatles-kanzono kaj preskaŭ same kiel la patronomo de la SNCF- prezidanto Guillaume Pépy. Pepper estas malgranda homoida roboto instalita kiel testo dekomence de decembro ĝis fino de marto en stacioj de *Les Sables d'Olonne, Saumur* kaj *Nord-sur-Erdre* apud *Nantes*. Ilia ĉefa agado ? Bonvenigi kaj informi la klientojn.

Du grandaj nigraj okuloj tute rondaj, vespa talio, kaj tuŝosenta ekrano sur brusto, Pepper estas falsa malgranda ulo, tute blanka de la kapo ĝis la piedoj. Ĝi altas, 1,20 m-ojn kaj pezas 28 kg-ojn. Ĝi moviĝas, se ne gracie, almenaŭ kun iel elasteco, ĉar mem ĝi scipovas danci por laŭbezone distri siajn amikajn observantojn.

Sed ne diru tro rapide ke ĝi estas nur ludo aŭ gaĝeto, akcesoraĵo. Tute ne, Pepper, precizigas „ *SNCF-Pays de Loire* „ estas la unua homoida roboto de la planedo kiu kapablas percepti la ĉefajn emociojn, preni en kalkulon sian ĉirkauaĵon kaj reagi depende de ĝi.

Ĝi parolas per dolĉa voĉo tre juna, iomete acideta kaj sufiĉe familiarece, cidirante la vojaĝanton laŭokaze. Tre ĝentila kaj gajeta ĝi diras "Ok", "merci" kaj eĉ alparolas la gapulojn per parkerigitaj frazoj, kelfoje iomete humoraj kiam oni petas de ĝi perpleksigajn demandojn. Eĉ se konvenas laŭdire alparoli ĝin vidalvide por ke ĝi bone komprenu nian alvokon, kondiĉe de tiu konsidero, tre serioze ĝi informas pri la horaroj kaj itineroj. Same ĝi povas sciigi al la vojaĝantoj la diversajn

servojn uzeblajn en la stacio kaj la aliajn proksimajn transport-rimedojn ripetante laŭbezone informojn helpate de planoj inskribiĝintaj sur sia tuŝosenta ekrano. Ĝi ankaŭ kapablas indiki la lokojn vizitendajn en apuda ĉirkaŭaĵo kaj, kaze de deviga atendo en stacio, eĉ ĝi povas proponi ludetojn. Kaj eblas por ĝia dunganto instigi Pepper por konduki kontentigo-enketojn starigitajn de la kolektado de la deziroj formulitaj de la vojaĝantoj.



Kiamaniere funkcias Pepper ? Kameraoj 3D (tri dimensiaj) enkorpigitaj, mikrofonoj, kaj sonkaptiloj maskitaj en ĝia blanka „ kiraso „ kunligitaj al komputilo konkuras al ĝia funkciado.

Franca-japana societo „ Aldebaran" ellaboris la unuajn Pepper en 2014. Ekde, pluraj miloj da Pepper jam videblas en Japanio. Ĝi mem faris siajn unuajn paŝojn en Eŭropo. Instalado de Pepper en tiuj tri stacioj konstituas grava evento en la monda transport-sistemo. Sed jam la granda firmao *Carrefour* testas ĝin en kelkaj superbazaroj.

Rilate la eblecon opinii ke, posttempo-limo, Pepper povus anstataŭi la komerco-agentojn, oni ne devas pensi pri tiu ebleco laŭ la SNCF-diraĵoj ĉar Pepper ne povas respondi al ĉiuj demandoj eĉ se SNCF-Pays de Loire precizigas ke specifaj porkomputilaj aplikadoj por SNCF jam estas finpreparitaj de la liona societo Hoomano specialigata en interagado homo-roboto. Ankaŭ Pepper, tiel kiel ĝi estas nun en tiu konfiguro, ne povas liveri transportbiletojn. Ĝi ĉeestas nur por helpeti la alvokantojn kaj modernigi la aspekton de la fervoja entrepreno. Tamen pli simpatia ol kutima informatiko-aparato, Pepper laboras ĉiutage eĉ dimanĉe. Sed ĝi bezonas korpogardiston kiu priatentas ĝin. Kaj eksperimentado diros ĉu indas dungi aliajn fratajn „ Pepper " ?

**Jean Ripoche**

# UNIKA INFANTRAJNO EN KRASNOJARSK

En Krasnojarsk oni konstruas novan trajnon por urba infanfervojo, kiu estis fondita en la jaro 1936, kaj estis la unua infanfervojo en Sovetunio. La projekton de la trajno mendis la Krasnojarka Fervojo.



La nova infana trajno ekstere estos simila al Rusia fama rapidtrajno „Sapsan”, kiu trafikas inter Moskvo kaj Sankt-Peterburgo. La infantrajno havos 4-lokan lokomotivon kaj 6-pasaĝerajn vagonojn, je ĉiu situos sidlokoj por 12 infanoj aŭ 8 kreskuloj. Ĉefa teknika novaĵo okazos je konstrukcio de lokomotivo. Malnova infantrajno havis benzinan motoron, la nova lokomotivo havas 2 elektromotorojn, kiuj funkcias de forta akumulatora baterio.

Do, en Krasnojarsk aperos la unua infana elektrotrajno en Rusio. Rapideco estos kontrolita pere de larĝimpulsa regulilo. Pro tio por infanoj ne estos problemo gvidi (ŝofori) la trajnon. Ankaŭ nova infantrajno havos specialan ilon por plenumigi akumulatorojn. Por plentaga funkciado ĝi elektroplenumigos dum nokta periodo. Pneŭmatika haltsistemo inkludas aŭtomatikan kompresoron, manometrojn kaj aeran haltmagistralon. Ankaŭ la vagonoj havas halt-cilindrojn kaj baton-haltkondukilon. La nova infantrajno havos laŭtan paroligilon por informi la pasaĝerojn, kaj signali al homoj paŝantaj en krasnojarska centrala urba parko, kie trafikos la infantrajno. Laŭ produktplano la infantrajno estos plene konstruita finaprile. La trajno ne restos sen nomo. Infanfervojo anoncis oficialan konkurson por trovi nomon por nova infantrajno.

*Kurtinformo: Krasnojarska infanfervojo estas sola en Rusio mallarĝŝpura infanfervojo (distanco inter reloj egalas 508 mm). La nova lokomotivo estos la 5-a en historio. Dum 80 jaroj pli ol 8 miloj da infanoj studis en fervojkursoj de Krasnojarska Malgranda Fervojo. Proksimume duono el ili elektis fervojistan profesion.*

**Andrej Grigorjev**
ĵurnalisto-esperantisto

# ELFRIEDE KRUSE (13.03.1914 – 19.03.2016)



Elfriede Kruse naskiĝis la 13-an de marto 1914 kaj mortis 19-an de marto 2016, ĵus post kompletigo de la 102-a vivojaro.
Ŝi naskiĝis ĝustatempe por komplete travivi du mondmilitojn, la ĝermantan demokration, la estingon fare da la nazifaŝismo, la kompletan detruon, la rekonstruon, la elpaŝon el izolo, la falon de la muroj, la optimismajn paŝojn en la projekton Eŭropo, same kiel la komencantan disfalon.

Mi ne konis iun ajn, kiu havis la eblon observi la okazaĵojn surterajn tiel longan tempon. Kaj mi ne konis multajn, kiu direktis sian ĉefan atenton dum tiu tempo al la homoj ĉirkaŭ ŝi. La rigardo dume estis empatia kaj pripensema kaj permesis al ŝi kompreni la valoron de la persona senpera parola interkompreniĝo.

Elfriede ne sciis plu ekzakte daton kaj okazon, je kiu ŝi unuafoje aŭdis pri Esperanto. Estis en la kvindekaj jaroj de la pasinta jarcento, kiam fervoja instruisto donis al ŝi libron en la manon. Ŝi interesite eklernis, sed baldaŭ devis paŭzi pro familia okazaĵo. Post translokiĝo al Frankfurt ŝi tie en kurso rekomencis lerni, pasis kursfinan kaj samjare instruistan ekzamenon. Ŝi organizis propran kurson, fondis grupon, interkonatiĝis kun Gernot kaj Elisabeth Ritterspach, aliĝis al la fervojista movado. La unua IFEF-kongreso, al kiu ŝi vojaĝis, laŭ ŝia memoro okazis en Rijeka. En tiuj jaroj ŝi komencis kroĉi tutmondan reton de amikoj fidelaj dum jardekoj. La Internacia Lingvo estis kvazaŭ kreita por ŝi. Ŝi lernis kaj aplikis ĝin el plena koro, kroĉis kaj flegis amikecojn konsciante ke unu homo estas respondeca por la alia kaj ke nenio estas memkomprenebla nek persona merito.

Ŝi havis la imagon kiel homa kunvivado povus funkcii kaj la insistemon ne rezignacii vidante la realecon. Ŝi sciis ke finfine decidas la individuo kaj faris kio estis ebla, mallaŭte sed persiste.

Ŝi lasis al aliaj la brilon, ŝi "nur" laboris entuziasme kaj precize en la kadro de la fervojista Esperanto-movado.. Ŝi estis la sekretariino de nia Federacio inter 1968 kaj 1980, kaj ŝi ricevis gravajn distingojn, kiel "Honora Membro de IFEF" en la jaro 1980, kaj "Oran FISAIC-medalon" en 1975.

Agnoskon ŝi ĉerpis el okazoj kiel la unua persatelita telefonkontakto inter Japanio kaj Germanio, kiun japana samideano estis gajninta kiel premion en konkurso, kaj por kiu li elektis ŝin kiel partnerinon - kaj el la regulaj petoj disponigi ŝian talentojn kiel perantino kaj interpretistino. Pri tio ŝi raportis kun evidenta fiero.

La korpaj kapabloj pli kaj pli perdiĝis dum la lastaj jaroj, sed la menso restis klara kaj atenta. Al Siegfried Krüger, kiu antaŭ ŝia 99-a naskiĝtago havis okazon pridemandi ŝin, ŝi rakontis pri la vivo en la maljunulejo, preskaŭ blinda kaj surda. Tiujn limojn ŝi vole-nevole akceptis: "Mi ricevas ankoraŭ multajn leterojn. Sed mi ne povas plu respondi. Kiu tion ne komprenas ... tion mi ne povas ŝanĝi."

Amara tamen estis la konscio pri la perdita kaj forprenita memstareco, pri la situacio esti ĉiurilate dependa kaj devigata obstine defendi „senutilajn" membrecojn kaj abonojn. Pri Esperanto ŝi obstine rifuzis rezigni.

Ŝi ne estus vojaĝinta, ŝi ne estus korespondinta, ŝi ne estus havinta verajn geamikojn en almenaŭ tridek landoj. Esperanto valorigis ŝian vivon, Elfriede diris en retrospektivo.

Elfriede Kruse mortis amata kaj respektata post longa vivo dum nokta dormo.

Ripozu en paco!

**Guido Brandenburg**

INTERNACIA FERVOJISTO
64-a eldonjaro
Dumonata fervojfaka Revuo en Esperanto kaj organo de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio

Prezidanto: Rodica Todor (Rumanio)
rodica_todor@yahoo.com

Vicpr: Sylviane Lafargue (Francio)
sylviane.lafargue@dbmail.com

Sekretario: Vito Tornillo (Italio)
vitorni@virgilio.it

Kasisto: Laurent Vignaud (Francio)
laurent.vignaud@free.fr

Redaktora Komisiono:
Gvidanto: István Gulyás (Hungario)
istvan.gulyas@hdsnet.hu
Membroj: J. Ripoche
L Niemann

Franca poŝtĉekkonto:
Ĉekoj aŭ ĝiroj al „Laurent Vignaud"
9 293 74 Y NANTES
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo:PSSTFRPPNTE
UEA-konto: iffk-o
Apermonatoj:
januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro
Redaktofino:
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato
ISSN 0230-323x
www.ifef.net

Faka Komisiono:
GV: Jan Niemann
niemann@kabelmail.dk
SK: D-ro Heinz Hoffmann
hoffmann-ifef@cablemail.de
SK: Inĝ Ladislav Kovař
kovar.lad@email.cz



Botanika ĝardeno en Balĉik




La 68-a kongreso de IFEF de la 21-a ĝis la 28-a de majo 2016 en la bulgara urbo Varna